# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

decembro 2000

## KROATA ESPERANTO-LIGO
## HRVATSKI SAVEZ ZA ESPERANTO
## ESPERANTO-SOCIETO ESPERANTSKO DRUŠTVO »BUDE BORJAN«




## 1945 - 2000

Mezeŭropa konsultiĝo: respondoj de mezeŭropaj ŝtataj instancoj

Subvencio de Zagrebačka Banka por partoprenado de junaj esperantistoj en UK

118 aliĝoj el Kroatio al UK 2001

Finiĝis kurso por turismaj akompanantoj dum UK 2001

55a jara jubileo de Kroata Esperanto-Ligo kaj Esperanto-Societo "Bude Borjan"


ISSN 0352-1583

# KARAJ LEGANTOJ,

Finiĝis la jaro 2001. Ĝia lasta triono estis por ni tre riĉa.Ni atingis la 55-jaran jubileon. Tiom da jaroj pasis post kiam en aŭtuno 1945 fondiĝis Kroata Esperanto-Ligo kaj preskaŭ samtempe zagreba Esperanto-Societo *Bude Borjan.*

Al la jubileo ni omaĝas titolpaĝe.

Ni resumas por vi eventojn, kiuj ĉirkaŭis la jubilean Zamenhof-feston.

Kreskas la preparoj por UK en Zagreb, la laboro densiĝis, la kunsidoj multobliĝas. La 21kapa LKK havis tri kunsidojn kaj dividis la taskojn kaj fondis teamojn. La Dua Bulteno en Roterdamo eniris presejon, aliĝintoj baldaŭ ricevos ĝin.

Nova membro, Sanja Kodrnja, oficisto en notaria oficejo, transprenis fakon pri vizoj, celanta helpi al kongresanoj loĝantaj en la landoj, kiuj bezonas vizon por UK. En Zagreb alvenis la unuaj118 aliĝoj el Kroatio.

Minstrino pri turismo akceptis la delegacion de LKK por informiĝi pri preparoj de la Kongreso. Kvardek helpantoj en turisma fako finis specialan kurson pri turismo por helpi al kongresanoj ekskursi tra la kongresa lando. (Sur la foto dum unu el la prelegoj en *Generalturist*). La Kongresa lando sin prezentas sur la kalendaro por la jaro 2001, presita de Josip Plaedin en Đurđevac kaj aĉetebla en ĉiuj grandaj libroservoj. (Prezo en Kroatio 50 kn).

Ni kleriĝis ne nur pri turismo sed ankaŭ pri informatiko. Ministerio pri scienco financis nian kurson pri komputiloj por geavoj, kiu celis levi la scion de la plej aĝaj membroj, kaj malgrandigi la breĉon en scidivido inter generacioj. Dank' al tiu projekto ni povis aĉeti plian komputilon por nia oficejo kaj Ankica Jagnjić instruis dum du monatoj en du kursoj al 14 kursanoj.

*Zagreba banko,* unu el al plej prestiĝaj kroataj bankoj, kadre de sia tutlanda konkurso pri junalaraj projektoj, elektis la projekton de KEL por la plej bona kaj distribuis helpon de 20.000 kn. La subvencio ebligos al junaj esperantistoj sperti la laboron por UK... kaj ĝian etoson en julio 2001. Parto de la subvencio rilatas al helpo al kroataj infanoj kiuj partoprenos Infanan Kongreseton en Zagreb.

Ŝtata instituto pri protekto de familio, patrinoj kaj junularo financis la projekton de KEL por helpi al junaj esperantistoj loĝantoj en vilaĝo sperti internacian vivon dum UK 2001.

Ministerio pri socia helpo subvenciis viziton de blinda esperantisto Antun Kovač al Bulgario, kie li invitis Kongreson de blindaj esperantistoj al 2001 en Kroatio.

Registaro de Respubliko Kroatio per ties *Oficejo por asocioj* donis helpon al UK el kiu ĉiu el helpantoj al UK ricevas financan helpon e 1/3 de la kotizo al UK. Kongresanoj ekster Zagreb, kiuj aliĝis kiel helpantoj al UK, ricevos subvencion por parto de tranoktado dum la kongresa semajno.

Vladimir Dujnić, esperantisto el Hrvatska Kostajnica el la sama fonto enposteniĝis en KEL dum decembro kaj januaro, por helpi en la kongresaj preparoj.

Se vi loĝas en Kroatio, estas juna aŭ maljuna, se vi volas labori kiel helpanto de UK, petu detalojn pri subvencioj pri aliĝoj al UK.



Kio pli?

Ĉio estas parto de nia 55 jara jubileo, kiun ni digne festis en Tetaro Trešnja. Ni spektis tie teatran premieron de UK 2000 en Tel Aviv *La poto* de Vida Jerman. Kaj ni vidis ankaŭ premieron al la kongresa programo 2001: programon d e Danka Tišljar, Ana Dana Beroš, kaj Miroslav Jerković pri *Kontribuo de kroataj esperantistoj al la internacia Esperanta komunumo.* La programo per junaj voĉoj lumbilde omaĝis al la plej prestiĝaj kroataj esperantistoj Ivo Lapenna, Ivo Rotkvić, Josip Velebit, Gabrijel Divjanović, Marinko Gjivoje. Ankaŭ Tibor Sekelj en tiu programo ricevis sian ĉapitron, por la kroataj jaroj de la restado en sia bieno - *La mondo.*

Havu bonan jaron 2001, la Europan lingvojaron!

*S. Štimec*


## *Tempo*

Jaro XIX, numero 4/2000
Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo

Aperas laŭeble kvar foje jare
Eldonas Kroatia Esperanto-Ligo
ISSN 0352-1583
Redakcio: Kneza Mislava 11/III, Zagreb, Kroatio
tel: (385 1) 46 17 550, fakso: (385 1) 46 19 373
rete: esperanto@zg. tel. hr
http:pubwww.srce.hr/esperanto-kel

Kontribuis: Lucija Borčić, Ozren Ćuk, Vladimir Dujnić, Danijela Drakula, Jadranka Farszky, Željko Gubijan, Spomenka Štimec.

Entajpis: Milka Đukić kaj Spomenka Štimec
Redaktoris: Spomenka Štimec

Anonc-tarifo 1/1 paĝo 800 kn , 1/2 paĝo 500 kn, 1/3 paĝo 350 kn, 1/8 paĝo 200 kn.
Eta anonco 100 kn. (kovrilpaĝo duoble).

Abono
4 numeroj jare 40 kn (10 DEM)
unuopa numero 10 kn (2,5 DEM)
Bv. aldoni sendokostojn 1,5 DEM por ĉiu numero al eksterlando.

La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la subskribitaj tekstoj.
Redakcija ne odgovara za mišljenja iznesena u potpisanim člancima.

# TEMPO FARIĜIS DUDEKJARA!

En la jaro 1980 aperis la unua numero de *Tempo*, kies titolpaĝon ni represas.

Iuj diras ke ses kontinuaj jaroj de iu organizo jam atestas pri ties respektindo. Du kroataj Esperanto-organizoj *Kroata esperanto-Ligo* kaj Esperanto-Societo *Bude Borjan* festis 55jaran jubileon dum la gazeto de Kroata esperanto-Ligo fariĝis dudek jara! La jubileo de la gazeto restis iom en la ombro de la ronda jubileo de pli aĝaj asocioj.

Omaĝe al la komencoj de *Tempo* ni represas ĝian unuan paĝon kiun kreis tiama studentino pri grafiko Mirna Krešić, nuntempa pariza artistino. Ivica Špoljarec estas la persono kiu ĉefredaktoris la gazeton de malgranda formato kaj de longa vivo. Li redaktis la revuon dum plenaj dek jaroj de 1980 ĝis 1990, atinginte dum tiu periodo redaktadon de pli ol 1000 redaktitaj paĝoj en 43 kajeretoj. Dum lia redaktado aperis sume 77.ooo ekzempleroj de *Tempo*. Tion ni legas en la adiaŭa numero de la redaktoro en la lasta numero de la jaro 1989.

La torĉon transprenis Josip Pleadin, redaktoro por la jaro 1990 kaj 1991. Lia lasta numero, la tria por la jaro 1991 atingis la 50an volumon de Tempo.

En la antaŭlasta numero de la jaro 1991, numero 2, troviĝas gajmiena foto pri la grimpado al Triglav, la plej alta pinto de Jugoslavio. Kelkajn monatojn poste sur la lasta paĝo de la tria numero de la jaro 1999 aperas poemo de Marko Petrović kun la strofo

Per Oniradio krozas profetklaĉo
ke Jugo-slavio jam estas en laĉo
de la samurajoj kaj de la ŝogunaĉo
kiuj sub kapuĉo tostas per la kruĉo
por civila buĉo per milita puĉo.


1/80

TEMPO

INFORMILO DE KROATIA ESPERANTO-LIGO | GLASILO SAVEZA ZA ESPERANTO HRVATSKE

JANUARO FEBRUARO MARTO

La poemo aperis en rubriko - Humuro. Nur tiuj versoj konjektigas ke prepariĝas la milito. Ke ĝi vere venos, tion esperantistoj apenaŭ povis kredi.

Reale jam faladis bomboj kiuj ne permesis aperigi la lastan numeron por la jaro 1991 kaj kiuj silentigis *Tempon* ĝis la jaro 1995. Tiam *Tempo* renaskiĝis pro la klopodoj de Dalibor Šeatović. La nova redaktoro donis al *Tempo* novan grandan formaton kaj presis ĝin sur altkvalita papero. En sia numero, kiu estis la unua kaj la lasta por la jaro 1995, la juna redaktoro raportis pri bomboj kiuj dum la preparado de la numero ankoraŭ faladis proksime de la redakcio de *Tempo*.

Ekde la jaro 1996 ĝis 2000 la redaktan laboron pri Tempo transprenis Spomenka Štimec.

Kun la neaperado dum milita *Tempo* 1991-1995 Tempo jen atingis sian dudekjaran jubileon.

La militaj jaroj kaŭzis malkoheron kaj konfuzis la kolofonojn en la lastaj jaroj de *Tempo*.

Sed jen vi tenas en viaj manoj la lastan numeron de la dudekjara *Tempo*.

Per sia nova vivojaro en la jaro 2001 *Tempo* raportu pri la plej granda zagreba evento en la historio de siaj redaktoroj kaj siaj legantoj - pri Universala Kongreso de Esperanto de la jaro 2001.

Dankon al ĉiuj kiuj (f)legis *Tempon* dum du jardekoj!

*S. Š.*



# MEZEŬROPA KONSULTIĜO MEZEŬROPA KOMISIONO FONDITA

Zagrebo gastigis de la 15a ĝis la 17a de septembro prezidantojn kaj sekretariojn de Mezeŭropa Landaj Asocioj, kiuj en Hotelo Esplanade traktis pri estonta kunlaboro. Tie estos fondita la Mezeŭropa Komisiono funkcianta ĉe UEA kun Oszkar Princz kiel prezidanto. La reprezentantoj de Ĉehio, Hungario, Pollando, Slovenio, Slovakio kaj la gastiganta Kroatio akceptis Rekomendon, adresitan al ŝtatestroj kaj politikistoj de la mezeŭropaj landoj. La rekomendo akcentas ke Esperanto kongruas kun la celoj de paca integriĝo de ĉiuj popoloj de Mezeŭropo, ke ĝi pruvis sian vivtaŭgecon en ĉiuj kampoj de kulturo, ekonomio, scienco, tekniko kaj politiko. Tial per la Rekomendo la subskribintoj proponas enkonduki Esperanton kiel samrajtan lingvon por interŝtataj rilatoj de Mez-Eŭropaj landoj kune kun aliaj jam uzataj lingvoj.

La propono pledis por enkonduko de Esperanto kiel samrajtan lingvon en ĉiuj ŝtataj dokumentoj kiuj servas por internaciaj kontaktoj, informado, trafiko, kiel por pasportoj, legitimiloj (ŝoforlicencoj, asekurdokumentoj) kaj dokumentoj por uzo en internaciaj rilatoj (atestiloj veterinaraj, nutraĵaj, kontrolo de kvalito, k. t.p.) internaciaj dokumentoj de naskiĝo, geedziĝo aŭ morto kaj aliaj similiaj dokumentoj.

La Rekomendo pledas proponi al Eŭropa Komunumo kaj Unuiĝintaj Nacioj Esperanton kiel egalrajtan lingvon kaj efektivan solvon de la lingvaj problemoj generitaj surbaze de kreskiĝo de la membraro kaj ilia multlingveco, anstataŭ subteni aldonajn lingvojn de novaj grandaj potencoj. Subskribintoj Petr Chrdle por Ĉeha Esperanto-Asocio, Gyorgy Nanofvsyky por Hungaria Esperanto-Asocio, Vjekoslav Morankiæ por Kroata Esperanto-Ligo, Stanislaw Mandrak por Pola Esperanto-Asocio, Jan Vajs por Slovaka Esperanta Federacio kaj Janez Jug por Slovenia Esperanto-Ligo.

Alvenis la unuaj reagoj al al rekomendo, verkitaj en la lingvoj en kiu la Rekomendo estis direktita tra Mezeŭropo. Ni prezentas al vi aldone respondon de la hungara ŝtatestro Ferenc Madl, kiu *plene konsentas kun la idea fono de la Rekomendo kaj ĝia referenco al la komunaj radikoj de la mezeŭropa kulturo,* respondon de la sekretario de Registaro de Respubliko Kroatio *kiu pluperas nian Rekomendon al Ministerio pri klerigo kaj Sporto, Kulturministerio, Ministerio pri Scienco kaj Teknologio kaj Ministerio de Eksterlandaj Aferoj.* (Sekve de tiu perado Kroata Esperanto-Ligo estis vokita de Ministerio pri Klerigo kontribui al Lingvojaro 2001.) *Kancelaria Sejmu, Pola Parlamento nur konfirmis la akcepton de la letero kaj esprimis konstaton ke konforme al la pola leĝo, la koncerna adreso ne respondecas pri la temo.*

*El la Oficejo de la Ĉeha Prezidento de la Respubliko Vaclav Havel venis la nura konfirmo ke la zagreba Rekomendo tien alvenis. Oficejo de la prezidento de Slovaka Respubliko Ludovit Mochacek registras belecon de la penso kaj sufiĉe vaste traktas la temon sed ne vidas realajn eblecojn vivigi la proponojn de la Rekomendo.*



Ni represas por niaj legantoj la originalajn dokumentojn de la prestiĝaj mezeŭropaj instancoj kiuj traktis la zagreban Rekomendon.

Sur la foto: Partoprenintoj de la mezeŭropa konsultiĝo dum ekskurso al la Bieno Niegus en Hrašćina Trgovišće.





A Magyar Köztársaság
Elnöke
President of the
Republic of Hungary

Spomenka Stimec úr,
a Hrvatski Savez Za Esperanto
titkára

Z á g r á b

Tisztelt Titkár Úr!

Köszönettel megkaptam a közép-európai eszperantó szövetségek elnökeinek zágrábi találkozóján elfogadott állásfoglalását az eszperantó, mint semleges nemzetközi nyelv alkalmazásáról és terjesztéséről.

Az állásfoglalás szellemiségével, a közép-európai kultúra közös gyökereire utalással teljes mértékben egyetértek, s a magam részéről elgondolásukat a magyarországi illetékesek figyelmébe ajánlom.

A nemzetközi megértés és barátság elmélyítésére irányuló erőfeszítéseikhez további sikereket kívánok.

Budapest, 2000. október 30.

Mádl Ferenc



*Kancelária prezidenta*
*Slovenskej republiky*
*Ľudovít Macháček*
*vedúci kancelárie*

*Bratislava, 7. december 2000*
*Číslo: KP 837/2000*

*Vážený pán podpredseda,*

*Kancelária prezidenta Slovenskej republiky obdržala Váš list a výzvu predstaviteľov esperantských asociácií stredoeurópskych krajín, adresovanú pánovi prezidentovi Rudolfovi Schusterovi.*

*Radi by sme Vás ubezpečili, že pán prezident sa aktívne zasadzuje o rozšírenie a prehĺbenie vzájomnej spolupráce krajín nášho regiónu vo všetkých oblastiach, je zástancom integrácie a spolunažívania všetkých národov v mieri a porozumení. Preto sú mu blízke ciele esperantských asociácií a oceňuje ich snahy na propagovanie esperanta ako neutrálneho dorozumievacieho prostriedku. Je to krásna myšlienka, hodná podpory, aj keď, žiaľ, v dnešnej dobe informačnej revolúcie, ktorá preferuje predovšetkým anglický jazyk, v podmienkach globalizácie, ktorá uprednostňuje jazyky veľkých národov, nie je jednoduché ju presadzovať.*

*Uskutočňovanie cieľov esperantskiho hnutia sťažujú aj obmedzené ekonomické možnosti mnohých, predovšetkým malých štátov, medzi ktoré patrí aj Slovenská republika. Žiaľ, nevidíme reálne možnosti, že by bolo možné Vaše odporúčania v dohľadom čase zaviesť do života, čo však neznamená, že by tieto myšlienky pán prezident nebol pripravený podporovať na vhodných fórach.*

*S pozdravom*

*Vážený pán*
*Spomenka Š t i m e c*
*podpredseda*
*Hrvatski savez za esperanto*

*ZÁHREB*



KANCELARIA SEJMU
BIURO LISTÓW I SKARG
ul. Wiejska 6
00-902 Warszawa
BLS-II/151/32774/2000

**Warszawa, 30 listopada 2000 r.**

Pan
**Spomenka Štimec**
Sekretarz
Kroata Esperanto-Ligo
Kneza Mislava 11/3
**HR-10000 Zagreb**

Szanowny Panie,

Biuro Listów i Skarg potwierdza wpływ korespondencji z dnia 10 listopada 2000 r. skierowanej do Marszałka Sejmu Rzeczypospolitej Polskiej, a dotyczącej uchwały posiedzenia Esperantystów Europy Środkowej w Zagrzebiu w dniach 15-17 września 2000 r.

Pragniemy wskazać, że zgodnie z polskim ustawodawstwem, w zakresie i na zasadach określonych w Konstytucji i ustawach, ogólne kierownictwo w dziedzinie stosunków z innymi państwami i organizacjami międzynarodowymi sprawuje Rada Ministrów. Z tego też powodu, dziękując Państwu za przesłanie propozycji na ręce Marszałka Sejmu, sugerujemy rozważenie możliwości zainteresowania sprawą bezpośrednio Radę Ministrów.

Państwa wystąpieniem zainteresowano sejmową Komisję Spraw Zagranicznych.

Z wyrazami poważania

GŁÓWNY SPECJALISTA
Bożena Wysocka

Do wiadomości:
**Pan Stanisław Mandrak**
Przewodniczący Zarządu Głównego
Polskiego Związku Esperantystów
skr.poczt.21
**44-101 Gliwice**



Kancelář prezidenta republiky

V Praze dne 6. prosince 2000
Č.j. 5830/2000

**Vážená paní Štimec,**

**dovolte, abych Vám jménem prezidenta republiky Václava Havla poděkoval za Váš dopis ze dne 20. října tohoto roku a za materiál, který byl schválen na Poradním setkání středoevropských esperantských svazů, které se konalo v září t.r. v Záhřebu.**

**S pozdravem,**

Pavel Fischer
ředitel Politického odboru

Vážená paní
Spomenka Štimec
tajemnice
Hrvatski savez za esperanto
Kneza Mnislava 1/3
HR - 10000 Zagreb

Chorvatsko

Office of the President
Czech Republic
CZ-119 08 Praha-Hrad
Tel.: (420/2) 2437 1111, Fax: (420/2) 2437 3300




# 86a UNIVERSALA KO
# ZAGREB 21-

## Temo: Kulturo de dialogo - - dialogo de kulturoj



La ĝenerala sekretario de UEA, Michela Lipari, informis ke la reĝisoro de la kongresa temo "Kulturo de dialogo-dialogo inter kulturoj" estas universitata profesoro d-ro Humphrey Tonkin de Universitato de Hartford (Usono).

### KONGRESAJ STATISTIKOJ EL KROATIO

El 118 aliĝintoj plej multaj aliĝis el Esperanto-Societo *Bude Borjan -34.*

El Esperanto-Societo Rijeka 6, el *Božidar Vančik* Varaždin 4 samkiel de Kroata Fervojista Esperanto-Asocio kaj el *Liberiga Stelo* Osijek. Po unu aliĝinto venis el societoj de Split, Slavonski brod kaj Đurđevac. Projekto *Aktivigo de gejnuloj el vilaĝo* financas alvenon de 6 gejunuloj.

http:pubwww.srce.hr/esperanto-kel/ukzagreb.htm

## D-RO HUMPHREY TONKIN: reĝisoro de la kongresa temo

D-ro Humphrey Tonkin (1939) transprenis la taskon reĝisori la kongresan temon de la jaro 2001. Por multaj kroataj esperantistoj tio estos la unua renkontiĝo kun d-ro Tonkin kies erudico kaj vervo metas lin al la pinto mem de ne nur movadaj prelegistoj.

Ni konas lin kiel prezidanton de Universala Esperanto-Asocio, kies laboro donis signifajn akcentojn al Universala Esperanto-Asocio de post la jaro 1974 kiam li transprenis la gvidadon de la asocio post D-ro Ivo Lapenna. En sia profesia vivo li estas prestiĝa ŝekspirologo. Li dum dek jaroj prezidis usonan universitaton Hartford (ĝis 1998), kaj pli frue dum 5 jaroj Potsdam College de Ŝtata Universitato de Nov-Jorko. Distingita per pluraj prestiĝaj premioj, gastprofesoro tra la mondo, aŭtoro de multnombraj artikoloj kaj libroj, kunredaktoro de la revuo *Lingvaj problemoj kaj lingva planado.* Konata pro sia pledado pri internacia kunlaboro kaj internaciaj studoj, li aktuale estras Fondaĵon por Eduka Interŝanĝo inter Kanado kaj Usono kaj Kanadan Komisionon Fulbright. Li prezidas ankaŭ Usonan Forumon pri Tutgloba Edukado en Nov-Jorko.

Damir Mikuličić, konata zagreba eldonisto-esperantisto, posedanto de la eldonejo IZVORI-FONTOJ traktas kun la Usona Forumo pri eventuala eldono de libro pri Unuiĝintaj Nacioj kies aŭtoro estas Nan Annan. Se la eldonaĵo realiĝus, tiu verko povus siavice kontribui al la kongresa temo.

*Sur la foto:*
Humphrey Tonkin kun Spomenka Štimec en lia oficejo en Universitato Hartford. ◻



# NGRESO DE ESPERANTO
# 28 JULIO 2001

## ANTAŬ KAJ POSTKONGRESAJ EKSKURSOJ

La kroata kongreso 2001 ofertas 2 antaŭkongresajn kaj 3 postkongresajn aranĝojn kaj ĉiuj proponas al vi - la Mediteranean Kroation el alia vidpunkto.

**Antaŭkongrese**
A 1 Opatija kaj Istrio (14. - 21. 07. 2001)
A 2 Antaŭkongresa krozado (14 - 21. 07. 2001)

**Postkongrese**
P1 Oficiala postkongreso al Dubrovnik (28. 07-04. 08. 2001)
P2 Postkongresa krozado (28. 07. - 04.08. 2001)
P3 Opatija kaj Istrio (28. 07. 2001)

Kion elekti? Oficialan postkongreson en Dubrovnik, se vi volas ankoraŭ iom konservi la kongresajn geamikojn ĉirkaŭ vi ... en unu el la plej belaj lokoj de Mediteraneo. En la Novjara nokto 2001 ĝi estis elektita por unu el la plej dezirindaj lokoj de la mondo por fini la jarmilon. Vi finu la Kongreson tie.
Se vi volas turismi por koni la landon, honeste dirite, ni ne scias kion konsili! Se vi prenus moneron kaj hazardĵetus ke ĝi elektu - vi ne erarus. Ravas ĉiuj.
Se vi petus konsilon de Tibor Sekelj, kiu konsideris la mondon kiel sian bienon, eble li helpos decidi - al Istrio. Tie li foje elbuŝigis la opinion, ke tio estas la plej bela angulo de la mondo. Kaj dum li tion diris, en la urbeto Rovinj, li ne havis vinglason en la mano. Kaj li konis la mondon.
Eble vi preferus iri laŭ la spuro de la persono kiu plej multe meritiĝis pri kunligo de Azio kaj Eŭropo - Marko Polo. Tiam vi elektos P2 - krozadon kiu gvidas al lia naskiĝurbo Korčula, kiu liatempe grave rolis en Venecia regno.
Se via konsultanto estas Esperanta literaturo tiam ne maltrafu P1, kun Dubrovnik kaj Mljet. Tiuj lokoj ja rolas en *Geografio de miaj memoroj* de Spomenka Štimec. Kaj en somero 2001 Esperanto kolorigas ilin per sia etoso.

**A1 Opatija kaj Istrio**
Opatija estis la reĝa ripozejo de la Aŭstria Imperio kaj Istrio la unika magia tero, rava duoninsulo kun romiaj kaj bizancaj monumentoj kaj unika Nacia Parko Brijuni, ŝatata rezidejo de multaj ŝtatestroj, kiu ĉi-foje servos kiel scenejo de viaj promenoj. En Pula, la plej bone konservita romia areno. En landinterno fantaziaj urbetoj sur montpintoj. Faru lokon en via koro, vi kiuj venas la unuan fojon ĉi tien!
*Pro unikeco ripetiĝas la programoj A1 kaj P3!*

**A2, P2 Krozado**
Krozi, signifas malfaldi la velojn kaj fuĝi el la ĉiutago. Atenton! Ambaŭ krozadoj proponas al vi paradizajn vidaĵojn. En ambaŭ kazoj ekiro de la urbo Split, kiun la romia caro Dioklecian elektis por sia rezidejo. Split estas la koro de Dalmatio. Tie vi lernos ke la nigrapunktaj dalmatrasaj hundoj devenas el belega pejzaĝo.

A2 Halto en Nacia Parko por sperti refreŝiĝon en dolĉakva etoso kaj ripozigi la okulojn je kaskadoj. Lasi la kaskadojn por vidaĵoj de alia Nacia Parko en 140 nombra insuleta perlaro. Ripozoj en Zadar, la fabela urbo. Venonttage halto en Trogir, la Dalmata Venecio, kiun UNESKO traktas por la listo de siaj raraĵoj.

**P2 Suda Dalmatio**
Legendo diras ke pro ĝia belo Odiseo malfruis al Penelepo dum kelkaj jaroj... ĉar li ne kapablis foriri de la insulo Mljet. Ĉu vi scivolas kial? Ĉu vi scivolas kie siajn unuajn paŝojn faris Marko Polo? Tiam, al Korčula. Ĉu vi scivolas kie ferias tiuj kiuj kaptis en sia vivo - la oran fiŝeton? (en *Vojaĝo al disiĝo*, de S. Štimec) Tiam iru al Hvar!

Vi komprenos ke la ekskursoj estas ekgustumoj. Vi frandu tiujn lokojn pli profunde iam. Promesu tion al vi mem.

*S. Š.*

### Kie loĝi en Zagreb?

Se vi ne havas multan monon por luksaj hoteloj, jen unu propono el la loĝeja menuo. Loĝhejmo por lernantoj nomata *Tin Ujević* estas unu el 4 loĝlokoj prizorgitaj de **Loĝiga Servo de LKK** por kongresanoj de la 86-a Universala Kongreso en Zagreb. Je la nivelo de tristela hotelo, tiu ĉi loĝejo ofertas al kongresontoj 1, 2, 3-litajn ĉambrojn kun propraj duŝejoj kaj necesejoj. Kvankam ĝi troviĝas iomete ekster la urbocentro, trafike ĝi estas bone ligita kun la du kongresejoj kaj la urbocentro. Kadre de la loĝhejmo estas malgranda trinkejo, video-klubo kaj sporta halo kun gimnastikejo. Prezoj po la tuta semajno (inkluzivas matenmanĝojn) estas 187 EUR, 167 EUR, 152 EUR en 1, 2 respektive 3-lita ĉambro.
Pri detaloj konsultu la Duan Bultenon.

## Helpantoj pri turismo edukiĝis

Organizita de la oficiala kongresa turisma agentejo *Generalturist* de la 5a ĝis la 8a de oktobro okazis kurso por turismaj akompanantoj kiun partoprenis kaj sukcese finis 40 esperantistoj el diversaj partoj da Kroatio. La kursanoj estos helpantoj pri ekskursoj dum la ekskursa tago de UK 2001. Kurso konsistis el tritaga teoria parto (prelegoj pri diversaj aspektoj de turismo) kaj la kvaran tagon la partoprenantoj pasigis ekskursante al Varaždin kaj Trakošćan por spekti kaj ekzerci praktike kiel oni akompanas turismajn grupojn. La fina ekzameno estis okazigita la 21-an de oktobro en Zagreb.

## Helpantoj aktivas



Preskaŭ 90 helpantoj aliĝis ĝis decembro por helpi en realigo de UK 2001. Dum junaj helpantoj ricevas financan helpon de Zagreba banko por sia kompleta UK-kotizo, la nejunaj povas per speciala formularo ricevi 30% de sia kotizpago. Helpantoj loĝantaj ekster Zagreb povas ricevi financan helpon por siaj loĝkostoj. La kotizo por nejunaj membroj-helpantoj kaj por loĝado venas de subvencio de la kroata registaro kiun al KEL peris Registara Oficejo por Asocioj, al kiu ni kore dankas.

Sur la foto helpantoj Marta Kovač, Daša Filipčić, Jurica Borojević kaj Sava Matetić-Lučić solvas iujn el abundaj taskoj de la kongresaj preparoj.



## La subvencio de *Zagrebačka Banka* por junaj esperantistoj

La plej prestiĝa banko en Kroatio subvencias ĉiujare ses projektofakojn. Por la jaro 2000 en la fako *Junularo kaj infanoj* Kroata Esperanto-Ligo gajnis subvencion por projekto kiu ebligu al junaj esperantistoj el Kroatio partopreni la estontan UK-n en Zagreb. La mono de la banko servas por subvencio de kotizoj por gejunuloj ĝis 28 jaraj. Junaj kroataj esperantistoj bezonas perlabori sian partoprenkotizon laborante po dek horojn en la kongresa oficejo ĝis decembrofino. La gajnintoj de la konkurso estas Dag Treer, Tajana Kovačević, Daša Filipčić, Dalibor Oršulić, Latica Bilopavlović, Tomislav Divjak, Lidija Pajazetović, Gordana Jurina, Gordan Muktić, Željka Kerouš, Mirjana Rumenjak, Vladimir Kamenski, Klement Mamuzić (Zagreb), Dan Đaković (Velika Gorica), Marta Kovač (Novi Marof), Damir Morankić, Vladimir Margan (Rijeka), Danijela Drakula (Novska), Jurica Borojević (Nova Gradiška), Snježana Rusman, Janja Kelava (Varaždin), Ivana Žagar (Osijek).



Subvencion por partopreni la infanan kongreseton ricevis Tina kaj Bojan Tišljar, Juraj kaj Mirta Šutej, Ivona Lešković, David Rey Hudeček (Zagreb), Franjo Šantalab (Varaždin) kaj Danijel Hrvatin (Matulji).

Zagrebačka banka



Krom multaj administraj taskoj en la lastaj semajnoj abundis laboro pri translokigo kaj ordigo de la biblioteko. Libroj el Biblioteko Emilija Lapenna, Božidar Vančik, Josip Velebit kaj la impona biblioteko de Mirko Mamužić-Manner trovis novan hejmon en Kneza Mislava 11, kie la helpantoj enŝrankigis pli ol 3000 libroj. Pri 1500 libroj el la biblioteko *Bude Borjan* ekzistas katalogo dum la ceteraj atendas enkatalogigon. Per speciala donaco de Mira Matanović-Manner alvenis al nia oficejo ankaŭ libro-bretaro. □



## Ni instruis...

En Esperanto-Societo *Bude Borjan* okazis inter oktobro kaj decembro 3 kursoj merkredvespere. La bazan kurson gvidis Vera Roknić, la konversacian kurson Nedeljko Korasić kaj la supera kurso estis gvidata de Spomenka Štimec. Ĉiuj kursoj estis bone vizitataj kaj ĉiun kurson partoprenas averaĝe dek ĝis dek kvin personoj. Menciindas ke por ĉiuj partoprenantoj kursoj estas senpagaj pro la estonta UK en Zagreb.

Esperanto-Societo *Liberiga Stelo* el Osijek organizis bazan kurson por komencantoj. La kurso komenciĝis la 9-an de oktobro kaj ĝin gvidis studentino Ivana Žagar. La kurson partoprenis 5 gekursanoj.

En Esperanto-Societo *Bo idar Vančik* Janja Kelava gvidis la konversacian kurson dum Siniša Horvat en gimnazio en Varaždin okazigis bazan kurson.

En Esperanto-Societo Rijeka Vladimir Margan gvidis kurson por komencantoj.

Esperantistino el Zagreb Mila Bečka komencis gvidi kurson por 14 komencantoj en Popola Universitato en Ivanić-Grad (Zagreba Departamento).

*Vladimir Dujnić*

## Forpasis Marija Horžinek

Marija Horžinek, instruistino el Petrinja, kiu dum multaj jaroj instruis Esperanton en sia urbo, forpasis la 25an de oktobro 2000. Ŝi verkis en la kroata kaj Esperanto. La militan tempon ŝi pasigis kiel rifuĝinto en Zagreb kaj Esperanto-Societo *Bude Borjan* klopodis iom mildigi ŝian vivon de rifuĝinto kaj helpi al ŝi ĉe rehejmiĝo, kiam ŝi revenis al Petrinja. Pluraj esperantistoj el la mondo helpis al ŝi okaze de rehejmiĝo post la fino de la milito.

## Mortis Berislav Ristić

Nia nova membro Berislav Ristić, inĝ. pri forstado (9.8.1953) finis sian vivon per memmortiĝo en Zaprešić la 31an de oktobro. Li helpis interalie transporti la preskaŭ 3000-voluman bibliotekon de *Bude Borjan* de Amruševa 5 al Kneza Mislava 11.

Ekde la komenciĝo de la milito Berislav forlasis sian domon en Vinkovci en kiun li dum plena jardeko vane provis reveni. Idealisma, li revis pri pli bona, en kiu Esperanto havu pli gravan politikan rolon.

Siajn politikajn kredojn li surpaperigis kaj lasis al la redakcio de *Tempo*, kredante ke venos iu kiu revos simile kiel li.

## Zora Heide, laŭreato en Jekaterinburg

*La reveno* estas la premiita poemo de la kroata Esperanto-poetino Zora Heide.

Zora Heide estas la laŭreaŭto en la branĉo *Originala poezio*, de la konkurso *Liro-2000*, organizita per *La ondo de Esperanto*.

Prestiĝa kroata poetino Zora Heide denove fariĝis zagrebanino post trijardeka vivo en Skandinavio. Okaze de la reveno el Rejkjaviko al Zagreb, ŝi donacis al kroata Esperanto-Ligo belan pentraĵon de fama norvega poeto Johann Hamond Rosbach, titolita Baledo (jaro 1979) kaj inspirita per la versoj de Zora.

Zora revenis en Zagreb ne nur kun fasko da propraj versoj sed ankaŭ kun du tradukitaj poemaroj de kroataj aŭtoroj por kiuj ŝi serĉas eldoniston. Temas pri poemoj de kroataj poetoj Višnja Stahuljak kaj Šimun Šito-Ćorić.

Zora estas membro de Esperanta Verkista Asocio kaj unu el ĝis nun 118 kroataj kongresanoj de la zagreba kongreso.

Fartu bone en via hejmurbo!

*S. Štimec*

## Komputiloj kaj geavoj

Ministerio pri scienco financis tre specialan projekton de Kroata Esperanto-Ligo en kiu pri komputiloj edukiĝis geavoj. La projekto, gvidita de Ankica Jagnjić, celis spertigi pri komputiloj homojn de la Tria aĝo. La projekto daŭris dum novembro kaj decembro, partoprenis ĝin 14 membroj kaj kunlaborantoj de KEL. Post la fino de la kursoj la nova komputilo gajnita per la projekto restas al KEL kaj la kursoj daŭros post UK en aŭtuno 2001 denove.



Sur la foto: La kursanoj spertiĝas

## Stefani en mirlando



Stefani Strunjek, la 9-jara lernantino de Esperanta grupo en Elementa lernejo Retkovec verkis rakonton per kiu ŝi gajnis duan premion ĉe la literatura konkurso por talentitaj infanoj organizita de Instituto Pataalo.

Stefani ricevis flugbileton de finna flugkompanio kaj kun sia instruistino Judita Rey Hudeček ŝi flugis al Finnlando. Ĉe la flugaveno atendis ŝin - la herooj el ŝia fabelo, pluraj ĵurnalistoj kaj televidistoj. Kelkaj finnaj gazetoj amplekse raportis pri la evento, kaj plurfoje Stefani paradis titolpaĝe.

Stefani planas partopreni Internacian Infankongreseton en Zagreb.



# KONGRESA REVUO

Verdaj flagoj ĉe alvenoj,
bonvenoj kaj manpremoj
en trajnoj kaj en stacidomoj.
En la kongresa akceptejo
tumulta plejo.
Ĉe l'giĉetoj
servopretoj,
kvitigo de l' kontoj,
oldamikaj renkontoj.
Plenumo de l'esperoj
dum la interkona vespero.
Kurso nacilingva ekspresa,
tamen ne multpromesa.
Inaŭgura soleno
en la salona pleno
kun ĉeesto de diplomatoj
kaj movadaj favoratoj.
Kongresa malfermo –
seke sensuka laŭmoderno.
Gazetara servo per ĵurnalista
verv-nervo.
Kongresa kuriero
informanta pri ĉiu kongresero.
Kongresa temo
ĉiam aktuala problemo.
Esperantologia konferenco
kun scienca tendenco.
Universitataj prelegoj
gratulindaj kulturflegoj
de l'pintaj E-kolegoj.
Kunvenoj de l'Akademio
sen akcentita fizionomio.
Belartaj konkursoj kun palaj
impulsoj.
Esploro kaj dokumentado,
junulara kaj virina agadoj –
diskutado kun persvado.
Kunsidoj de l'Estraro kaj Komitato,
firma prezento de UEA-gvidstato.

Ĝeneralaj kunvenoj,
sur neŭtrala tereno.
Ekumenaj diservoj,
artaj, naciaj kaj amuzvesperoj,
bukedo da internaciaj eroj.
Urbestra akcepto
laŭ elitula koncepto.
Kongresa bankedo
kun hejm-plada bukedo.
Kongresa balo –
revuo de bruo kaj falbalo,
Kongresa ĥoruso
kun entuziasmiga impulso.
La senkompara aŭkcio,
atrakcio de l'Tonkina reputacio;
Tagoj de junularo, lernejo, paco
ĉiam drivas sur surfaco.
Teatraj prezentadoj
kun bona kaj misa lingvokaskadoj.
Komencaj, perfektigaj kaj
Ĉe-kursoj,
duontagaj, tuttagaj, postkongresaj
ekskursoj
per plenŝtopitaj busoj.
Kunvenoj de E-fakoj kaj
sekt-organizoj
kun adekvataj aktualaj frizoj.
Libroservo kaj rendevua tabulo –
plej vizitataj kongresanguloj.
Rapide forpasas la kongresa
semajno
kaj venas la solena fermo
kun la resumo de l'kongres-koncerno.

Kune kun la fermo de l'kongreso
fermatas ankaŭ la kongresejo,
enscenejas ĉies tasko-ĉeso.
Post la kongresa tumulto
vane serĉatas komuna punkto
kie enurbe renkonti esperantiston.
Pro tio al la kongresprogramo
aldoniĝu listo
de lokoj kaj adresoj
kie esperantumado ne ĉesas post la
kongreso.

*Lucija Borčić*




STRATO DE MARINKO GJIVOJE

Multaj scias ke Marinko Gjivoje havas sian straton en la naskiĝurbo Korčula, kien gvidos kongresaj ekskursoj 2001. Malmultaj vizitis ĝin. Jen la somera foto de la familio Farszky dum la somera promeno en la ŝtona strato Marinko Gjivoje.

# ADIAŬ, GEAKTOROJ!

En la lastaj semajnoj de la jaro 2000 finis sian vivon du famaj geaktoroj de la kroata teatra scenejo Etta Bortolazzi kaj Fabijan Šovagović. Ilia forpaso prezentas gravan perdon en la kultura vivo de Kroatio. Ili ambaŭ signife kontribuis al la surscenigoj de Internacia Arta Teatro kiun gvidis Srđan Flego.

Fabijan Šovagović, nepre unu el plej signifaj nomoj de la nuna kroata teatra arto prezentis en Esperanto nur du fojojn, en Kopenhago per *Onklo Maroje* de Marin Držić, kie rolis ankaŭ E. Bartollazzi kaj per *La respektinda P.* de Sartre en Sofio, kun la sama partnerino. Malsaniĝinte li ne plu daŭrigis sian Esperantan karieron kiun transprenis Mladen Šerment.

Etta Bortollazzi, la primadono de la kroata teatro komencis sian Esperantan karieron en la jubilea jaro 1959 en Varsovio per *Friponaĵo de Skapeno*. Sekvis Bruselo en 1960 kun *Kurioza okazaĵo* de Goldoni. Kontinuo venis en Harogate en *Advokato Petleno* de nekonata aŭtoro en 1961. SAT en Gento en 1961 vidis ŝin en *La respektinda P. La holandan pupon* de Julio Baghy ŝi prezentis en Budapeŝto.

Per la sama tetaraĵo ŝi adi'is de la Esperanta publiko tie kie ŝi Esperanto administre hejmas - en Roterdamo.

Kun miro ni notas ke neniu Zagreba scenejo montris ilin al la kroata Esperanta publiko. Eble ĉar ĝia subteno tion ne meritis.

Sed Bortolazzi kaj Šovagović nepre estas la oraj nomoj de nia Esperanta teatra, kian nutris artisma energio de Srđan Flego.

*Laŭ Z. Flego, S. Štimec*

## KEJA KAJ TEJO EN VARNA



Delegacio de junaj kroataj esperantistoj Danijela Drakula, Tajana Kovaèeviæ, Dag Treer kaj Tomislav Divjak partoprenis TEJO-seminarion en Varna en Bulgario. La seminario okazis de la 1a ĝis la 8a de septembro 2000. Tomislav Divjak kontribuis al la seminaria temo per informoj pri Studenta Esperanto-Klubo kaj KEJA, Dag traktis ekologian temon dum Danijela Drakula kaj Tajana Kovaèeviæ prilumis Balkanajn landojn el la kroata vidpunkto, precipe rilate ekonomian situacion. Sur la foto de Danijela Drakula - seminarianoj en Varna.

## PROJEKTO VILAĜO

Stata instituto pri protektado de familio, junularo kaj infanoj financis la projekton de Kroata Esperanto-Ligo pri aktivigo de gejunuloj logantaj en vilagoj en internaciaj programoj de KEL.

La 18an kaj 19an de novembro 2000 kelkaj el la partoprenantoj de la programo renkontigis en Zagreb por spertigi pri Universala Kongreso de Esperanto kaj informigi kiel trovi siajn lokojn kiel helpantoj en la abunda kongresa programo.

Sur la foto de maldekstre Vladimir Dujnić el Hrvatska Kostajnica asistis al la projekto, Blanka Golob el Brest apud Petrinja, Dalibor Oršulić (preleganto-prezidanto de KEJA), Igor Goljevački el Josipovac, Lucija Rusak-Orehovec el Kotoriba, Spomenka Štimec (gvidanto de la projekto) kaj Sonja Kovač el Novi Marof. La daurigo de la projekto okazos per printempa seminario. Ciuj partoprenintoj aligis al la kongreso kiel helpantoj. ◻







86-a Universala
Kongreso de Esperanto
Zagreb 2001

# KONGRESLANDO KROATIO








ZAG
REB




Feliĉan jaron 2001,
la zagreban jaron de la monda Esperantujo!